XIIª jaro. Nº 173 (1) ⭑ Monata ⭑ 5 januaro 1915

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**JARA ABONO**

**Ordinara eldono** . . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poštĉeka konto I. 824.— Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*

**REKLAMO**

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . **0.40 Fr.** (0.16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



## *Al niaj legantoj*

*La teruraj cirkonstancoj, kiuj nun dissemas tra la mondo tiom da suferoj kaj detruas tiom da esperpromesaj institucioj, ankaŭ havis bedaŭrindajn konsekvencojn por la vivo de nia movado, al kiu tiel necesa estas paca kunlaborado inter ĉiuj popoloj.*

*La Deka Kongreso, frukto de senlacaj preparaj klopodoj, kiu anonciĝis kiel la plej brila ĝisnuna manifestado de nia forto, estis neniigita. La vivo de niaj plimultaj organizajoj estis interrompita kaj, pro la necerteco de la internaciaj komunikoj, la tiel oftaj rilatoj inter diverslandaj samideanoj estis haltigitaj.*

*Ĉu el tio ni devas konkludi, ke nia movado estos malhelpata por multaj jaroj?*

*Tia ne estas nia impreso.*

*Malgraŭ la nunaj malfacilajoj ni kun ĝojo konstatas, ke nia Esperanto daŭrigas esti uzata, ke la Esperantistoj laŭeble penas konservi tion, kio estis akirita dank'al peniga laborado kaj nelacigebla agado. Sendube la mondo nun ne aŭdos nian voĉon. Ĝia penso direktiĝas al la heroajoj kaj suferegoj, kiujn tiu ĉi tempo malavare disjetas super la tuta terglobo. Sed ni rajtas esperi, ke poste, kiam silentiĝos la voĉo de la armiloj kaj ree havos ekzistrajton la homa prudento, la mondo atentos nian ideon kaj alproksimiĝos al nia standardo denove flirtanta super la naciaj malamoj. Pli forte ol antaŭe sin trudos la neceseco de nia afero, kaj pli vigla ol iam estos la intereso al la problemoj, kiujn postelasas al nia generacio la nunaj okazantajoj, kaj je kies solvo Esperanto ne povas esti flankelasata.*

*Ni do ne devas malesperi, sed pli bonan estontecon kuraĝe prepari.*

*Ni opiniis, ke en ĉi tiuj cirkonstancoj nia Asocio povas plenumi utilan rolon, kaj ni faris la eblon por ke ĝi ankaŭ partoprenu en la impona movado, kiu celas malpliakrigi la suferojn kaŭzitajn de la milito. Ni ne volas, ni ne devas forgesi, precipe en la malfeliĉo, la solidarecon, kiu ligas la membrojn de nia Asocio, kaj la devojn de reciproka helpado, kiujn ĝi trudas.*

* * *

*La subaj informoj montros kiamaniere UEA povas nun utili ne sole al la esperantista, sed ankaŭ al la neesperantista publiko. Ili konigas tion, kio jam estis farita laŭ niaj modestaj rimedoj. Aliparte la reprezentantoj de UEA trovos ĉi tie klarigojn pri diversaj administraj punktoj. Dum la milito ankaŭ ni militu, tio estas ni energie defendu nin kontraŭ la malfavoraj cirkonstancoj kaj per kiel eble plej regula funkciigo de nia afero ni pruvu, ke la nuna organizo kaj niaj rimedoj povas rezisti eĉ al la plej gravaj malfeliĉoj.*

*La Centra Oficejo de UEA klopodos ĉiumaniere konservi la ligilojn inter niaj samideanoj kaj aranĝi la diversajn servojn, kiujn Esperanto povas fari en la nuna tempo. Sed por tio ĝi bezonas ĉies kunlaboradon kaj helpadon. Ni esperas, ke niaj membroj, komprenante la utilecon de nia tasko kaj la necesecon konservi internacian centran fokuson de Esperantismo, restos al ni fidelaj kaj tiamaniere permesos al ni plenumi utilan laboron dum la milito kaj pretigi viglan novan agadon post la milito.*

* * *

*Dum la milito Esperanto estis devigita interrompi sian aperadon. La malplimultiĝo de la oficistoj ĉe la sidejo de UEA, la malfacilaj poŝtrilatoj kun la militantaj landoj, precipe en la komenco, la mobilizo en nia lando, kaj ekonomiaj kaŭzoj facile kompreneblaj, trudis tiun decidon. Ni nun decidis ĝin reaperigi, sed ĝis plibonigo de la situacio ni eldonos nur unu kajeron monate. La nombro de la paĝoj dependos de la cirkonstancoj. Ni esperas, ke la abonantoj restos al ni fidelaj kaj per tio permesos al ni baldaŭ eldoni la gazeton en ĝia kutima formo kaj amplekso. De ilia helpado dependas la ekzisto de nia organo dum tiu malfacila periodo.* *ESPERANTO.*

---

NUNTEMPAĴOJ

# SUPER

Ne konvenas nun aŭdigi ŝafblekojn por la paco. La potenculoj de la tero volis (ĉu ili vere volis aŭ ĉu ilin voligis la cirkonstancoj?), ke la kanono parolu. Ni lasu ĝin paroli. Se ĝi dume helpus resaĝigi la homaron, ni nur povus ĝin beni.

Sed ĉu ni, Esperantistoj, kiuj dum jaroj kantis, ke „la popoloj faros en konsento unu grandan rondon familian“, — kiuj esperis je tempo kiam „dissaltos la obstinaj baroj“, — kiuj deziris amikan kunlaboradon inter ĉiuj popoloj (ĉar mi ankoraŭ kuraĝas kredi, ke tia estis la deziro de ĉiuj veraj Esperantistoj), ĉu ni ne havas, krom la devoj al la propra patrujo, aliajn specialajn devojn ankaŭ ne flanklasindajn?

Ni havas la devon *ne forgesi.*

Ne forgesi tre elementan veron, kiun la pli granda parto de niaj samtempuloj — kleraj aŭ ne — ne plu atentas kaj neniam bone atentis.

Nome, ke Eŭropanoj (mi uzas tiun vorton por montri la reprezentantojn de la nun militantaj landoj) estas kaj restas *homoj.* Tiuj homoj por ni Esperantistoj ne loĝas en malproksima planedo aŭ en gazetartikoloj. Ni vidis ilin, ni kontaktiĝis kun ili, ni konstatis, ke ili estas estaĵoj el la sama esenco. Evidentaĵo, sed evidentaĵo ĉiam malatentata. Ni eĉ amikiĝis kun kelkaj, ne zorgante, ĉu ili apartenas al lando amika al nia. Ni konstatis, ke per multaj flankoj ili estas samaj al la homoj de nia hejmolando. Ni ankaŭ sentis — ni estu honestaj! —, ke per kelkaj flankoj ili diferencas de ni, sed anstataŭ nin forigi de ili, tio nin interesis kaj ofte allogis. (Plie, ĉu via najbaro loĝanta en la sama domo ne diferencas de vi? ĉu vi ĉiam lin amas?) Ni spertis, ke tiuj diferencoj ne malhelpis nin kunlabori. Ni multe disputiĝis inter Esperantistoj; ni ne ĉiam amis unu la aliaj kiel fratoj sed niaj disputoj okazis inter individuoj, ne laŭ nacioj. Super la landlimoj ni estis, super ili ni pense restu.

Ni vojaĝis fremdlande, kaj ni vidis, ke tiuj „fremduloj“, kiuj kuras sur la stratoj, similas al tiuj, kiujn ni vidis en la patrolando. Se ni eniris iliajn hejmojn, ni konstatis, ke ilin agitas samaj pasioj, ilin vivigas samaj esperoj, ilin movas samaj apetitoj. Kaj el la konstato de tiuj analogiaĵoj, ni ĉerpis vivigan konkludon pri la ebleco inter ili de paca (ne de „frata“!) kunlaborado, kiun plifaciligos komuna neŭtrala lingvo, ilo de komuna kulturo.

Ĉu ĉiuj tiuj faktoj fariĝas malveraj, ĉar la anarkia kaj arkaika stato de Eŭropo kondukis al sanga solvo — konsekvenco de sistemo pli ol de homoj?

Ĉu, ĉar homoj agas kiel lupoj, konvenas, ke ni ankaŭ kuniĝu al la lupoj kaj kunbleku?

Ĉu, ĉar en tiaj momentoj malaperas individuaj opinioj en gentaj kolektivaj opinioj, ni estas devigataj forlasi prudenton kaj esperon?

Flanke de niaj simpatioj, ni havas devojn, kiujn al ni trudas nia esperantisteco. Plenumante ilin, ni laŭ nia povo utile laboros por la paco — ne tiu paco, kiun diplomatoj enskribas en efemeraj traktatoj, sed tiu paco, kiu engraviĝas en la koro de la homoj kaj fariĝas bazo de ĉiu posta alproksimiĝo.

Devo kredi, ke neniu popolo havas la monopolon de la civilizeco, de la kulturo aŭ de la humaneco. Nia civilizeco estas ŝuldata al la pensuloj apartenantaj al la plej diversaj gentoj, el kiuj kelkaj jam de longe malaperis el la historio; ĝi disvolviĝis dank' al la sinsekva laboro de ĉiuj popoloj; ĝi estas la verko ne de tiu aŭ alia nacio, sed de la diverslandaj elitoj. Sendube, la popoloj ne same laboris kaj ne samtempe elmontris sian ĉefan agadon. Ni scias, ke tute samaj ili ne estas, sed ĉiu el ili alportis aŭ alportos ion originalan al la komuna posedaĵo de la homaro. Iu pli fervore sin dediĉas al la teknika kulturo; ĝi akiras la severan ordon, kiu ĝin regas. Al tiu alia pli plaĉos la interbatalado de la ideoj, la studo de la homo, la literatura kulturo. Alian priokupos pli speciale moralaj problemoj, kiuj sieĝas ĝian maltrankvilan animon. Alia dediĉos sian praktikan genion al la vastaj entreprenoj de la komerco. Kiu povus diri: tiu ĉi estas pli utila ol tiu? Ĉu pli utila estas la panisto, kiu nutras nin, la tajloro, kiu vestas nin, aŭ la pensulo, kiu nin instruas?

Ni ne kontraŭmetu naciajn kulturojn kaj ne provu starigi inter ili ian hierarkion. Ĉiuj estas nur partoj de tiu komuna monda civilizeco, frukto de ĉiuj homoj, kiuj pensis kaj agis. Se ni ne egale komprenas tiujn naciajn kulturojn, anstataŭ ol ekskomuniki, ni almenaŭ toleru ilin pro la amo, kiun al ili havas milionoj da homoj.

Devo kredi, ke neniu popolo entute havas la monopolon de la barbareco, perfideco aŭ stulteco. Nur individuoj kaj la milito estas respondaj. En la ĉiutaga vivo, ĉe nia propra lando, ni renkontiĝas kun tiaj homoj, kiujn ni juĝas barbaraj, perfidaj aŭ stultaj. Eĉ la sama homo, ĉe iaj momentoj de sia vivo, montriĝas barbara, perfida aŭ stulta, same kiel ĉe aliaj momentoj li estas bona, humana kaj prudenta. Aldonu al tio, ke la milito malkovras kaj ekstremigas ĉiujn primitivajn instinktojn, kiujn laŭeble bridigis la socia vivo. Vi scias, kiel malfacile estas senpartie juĝi unu homon en unu el liaj agoj, vi scias, ke la milito transformas la animstaton de la homoj, kaj vi volas juĝi tutan popolon pro la agoj de individuoj regataj de instinktoj ne plu reteneblaj! Ĉu vi povas juri, ke vi ĉiam agos humane en similaj cirkonstancoj, ĉu vi povas juri, ke neniam la kolero — pravigita aŭ ne — kondukis vin al agoj, kiujn vi poste bedaŭris kaŝe aŭ malkaŝe?

Kulpaj estas nur la milito kaj la sistemo, kiuj igis ĝin ebla, ne la homoj, kiuj estas nur ludiloj de la hazardoj, tuj kiam la sociaj reguloj kaj akiritaj kutimoj ne plu regas iliajn instinktojn.

Devo konservi prudenton eĉ meze de la premigaj influoj de la popolamasoj. La popolamasoj estas kapablaj je grandaj heroaĵoj, sed ankaŭ je grandaj krimoj. Ili agas ĉiam ekstreme kaj juĝas laŭ siaj pasioj, eĉ se ili kredas paroli en la nomo de la racio. Diskuti, ekzameni, dubi ili ne ŝatas. Ili bezonas solvojn absolutajn. Kelkaj belŝajnaj vortoj trafe esprimitaj sufiĉas por ke ili verŝu sian sangon — kaj verŝigu la sangon de la aliaj.

Sed utile estas, ke kelkaj individuoj konservu prudenton kaj sin gardu kontraŭ la ekstremaĵoj de la popolamasoj. Tian



rolon ni Esperantistoj povus havi. Pli bonan estontecon ni povos prepari, nur se dum la krizo ni estis sufiĉe fortaj por ne perdi niajn konvinkojn.

La parolo estas nun al la kanono, sed ne eterne daŭros ĝia blekado. Kiam centmiloj da homoj kuŝos en la bataltomboj kaj la ruinoj ĉe la venkintoj kaj venkitoj atestos pri la teknikaj pli ol pri la moralaj progresoj de nia civilizeco, tiam oni alvenos al iu solvo, kaj tiam, malgraŭ ĉio, la internaciaj rilatoj denove ligiĝos, ĉar super la nacioj estas tamen io..... Se sur la nunaj ruinoj ni volas konstrui novan domon, oni bezonos tiajn laboristojn, kiujn ne timigos la malfacilaĵoj de la rekonstruado. Tiaj laboristoj estos la diversnaciaj elitoj, kiuj sen antaŭjuĝoj kaj en spirito de reciproka toleremo, altigos siajn rigardojn super la horizonto de la landolimoj naciaj, kaj konscios pri harmonia civilizeco, sufiĉe larĝa por enteni ĉiujn naciajn kulturojn, sufiĉe tolerema por konsideri ilian diversecon kiel bonfara necesaĵo. Tiuj laboristoj ne malŝatos la militon; ili ĝin deklaros al la sistemo, kiu permesas kaj kaŭzas tiajn buĉadojn; ili ĝin deklaros al la antaŭjuĝoj, al la krudaj instinktoj, al ĉiuj hontoj, kiuj senhonorigas la homaron kaj kiuj restos ĉiam sufiĉe multaj por ke la estontaj generacioj ne timu malfortigan ripozon.

Ni, Esperantistoj, estu la embrio de tiuj estontaj elitoj. Por inde plenumi nian taskon, ni konservu nian idealon kaj ne lasu nin subpremi de la malespero aŭ de bedaŭro.

La veran progreson ne kreis la homoj, kiuj genufleksis antaŭ ĉiuj akceptitaj ideoj kaj blinde sekvis la popolamasojn. Ĝin kreis la homoj kun forta konvinko, kiuj sciis renversi la antaŭjuĝojn kaj transformi la opiniojn.

*H. Hodler.*

 SOCIA VIVO 

## La helpado al la militsuferantoj

Pro sia speciala situacio Svisujo ĉiam taŭgis por fariĝi sidejo de internaciaj oficejoj. Ankaŭ en tempo de milito ĝi penas plenumi utilan agadon starigante instituciojn, kies celo estas helpado kaj bonfarado al la diversspecaj multnombraj viktimoj de la milito. Ĉar por la legantoj apartenantaj al la militantaj landoj tio ankaŭ prezentas praktikan intereson, ni opinias utile priskribi, en konciza maniero, la funkciadon de tiuj multe uzataj institucioj.

Plej konata el ili estas la *Internacia Agentejo de la militkaptitoj*, kiun starigis en Ĝenevo — naskiĝurbo de la Ruĝa Kruco — la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco, prezidata de S-ro deputato Gustave Ador. Tiu institucio celas liveri al la parencoj informojn pri militkaptitoj, kaj ilin interrilatigi. Por tio ĝi ricevas de la militantaj regnoj la oficialajn listojn de la kaptitoj internigataj en ilia teritorio. Laŭ tiuj listoj ĝi informas la parencojn, kiuj sendis demandon.

Komence la Agentejo laboris ĉe sia sidejo kun kelkaj memvolaj helpantoj, sed rapide la nombro de la informpetoj fariĝis tia, ke ĝi devis transloĝiĝi al vasta ŝtata konstruaĵo kaj alvoki la kunlaboradon de pli multaj helpantoj. Nuntempe post apenaŭ trimonata ekzistado, la Agentejo okupas pli ol tri cent bonvolajn gehelpantojn. Ĝi ricevis tri cent mil informpetojn kaj listojn de cent dekmil kaptitoj en Britujo, Francujo kaj Germanujo. Ĝi forsendas ĉiutage mil ĝis mil kvin cent respondojn kaj transdonas meznombre dek ĝis dekkvin mil frankoj al la militkaptitoj. Tiuj ciferoj facile komprenigas la vastecon de la plenumata laboro. Por sin malŝarĝigi je parto de la laboro, la Agentejo interkonsentis kun la administracio de la svisa poŝto, ke ĝi peradu la sendon de korespondaĵoj, poŝtmandatoj kaj pakaĵoj al la militkaptitoj. Tiu servo, kies graveco ĉiutage kreskas, funkcias ĉe la supera poŝtkontrolo en Berno. Ĝi ankaŭ decidis sin limigi je la brita-franca-germana militkampo kaj interkonsentis kun la Ruĝ-Krucaj filioj en Kopenhago, Vieno, Petrogrado kaj Niŝ, ke ili sin okupu je la aliaj militkampoj.

Nun utilos kelkaj praktikaj klarigoj por la personoj, kiuj dezirus uzi la servojn de tiuj Agentejoj. Oni unue atentu la ĝeneralan principon: ili esploras nur pri militistoj, kiuj estas *oficiale* montrataj kiel *„malaperintoj"*. Do, antaŭ ol sendi informpeton, oni bonvolu informiĝi ĉe la kompetenta aŭtoritato de sia lando, ĉu la serĉata militisto estas oficiale „malaperinta"; se jes, oni demandu *kiam* kaj *kie* okazis tiu malapero. Sciante tion oni skribu la informpeton, montrante tre precize kaj tre legeble: nomon, antaŭnomon, gradon, enregimentiĝon, ordan numeron, daton kaj lokon — almenaŭ proksimumajn — de la malapero; plie oni laŭeble konigu, ĉu la koncerna militisto estas vundita.

Por germanaj kaptitoj en Francujo kaj pri belgaj, britaj kaj francaj kaptitoj en Germanujo, oni devas sendi ĉiujn informpetojn al la *Internacia Agentejo de la militkaptitoj, Ĝenevo* (Agence Internationale des prisonniers de guerre, Genève — Ermittlungsbureau für Kriegsgefangene, Genf). Por germanaj kaptitoj en Rusujo kaj rusaj kaptitoj en Germanujo oni sin turnu al la *Ruĝa Kruco* en *Kopenhago*. Por rusaj kaj serbaj kaptitoj en Aŭstrio-Hungario al la *Ruĝa Kruco* en *Vieno*. Por aŭstriaj-hungaraj kaptitoj en Serbujo al la *Ruĝa Kruco* en *Niŝ*.[1]

Ricevinte tiujn informojn la Agentejo faras la necesajn esplorojn kaj, kiam eble, respondas al la petinto per informo pri la loko, kie troviĝas la serĉata militisto. De tiam, la parencoj povas *senpere* kaj *senafranke* sendi privatajn leterojn kaj pakaĵojn (ĝis 5 kilogramoj) al la militkaptito, kies adreso estas konata. Sur la sendaĵo oni skribu videble: „Service des prisonniers de guerre" aŭ „Kriegsgefangenen-Sendung". La mandatoj estu ekspedataj al la Supera Poŝtkontrolo en Berno (Contrôle général des Postes, Berne — Oberpostkontrolle, Bern), oficiale komisiita por ilin transdoni al la militkaptitoj.

Flanke de la militkaptitoj estas en ĉiu militanta lando granda nombro de civilkaptitoj, t. e. personoj, kiujn la milito surprizis en la malamikiĝinta lando kaj registara ordono metis ĉe specialaj lokoj sub aparta polica kontrolado. Inter tiuj civilkaptitoj oni povas fari du kategoriojn: unue, la soldatigeblaj kaptitoj (viroj ĝenerale inter 18 kaj 50 jaroj), kiuj estos internigataj ĝis la fino de la milito; due, la nesoldatigeblaj viroj, la virinoj kaj la infanoj. La personoj de tiu dua kategorio estos interŝanĝataj kaj rehejmigataj. Ĝuste por sin okupi pri tiu interŝanĝado estis fondita de la svisa registaro en *Bern Oficejo por la rehejmigo de la civilkaptitoj*, al kiu oni bonvolu direkti ĉiujn demandojn. La

[1] Se la adreso de militkaptito ne povas esti ricevata aliloke, la interesuloj, por plenumi la esplorojn, povas ankaŭ sin turni al unu el la subaj informejoj:

1e por *Germanujo:* Zentral-Nachweisebureau des Kriegsministeriums, *Berlin* NW 7, Dorotheenstrasse 48.

2e por *Francujo:* Commission des prisonniers de guerre, Croix-Rouge française, *Bordeaux*, 56, Quai des Chartrons.

3e por *Britujo:* The Prisoners of War Information Bureau, *London*, 49, Wellington Street, Strand; krome: Kommander Prisoners of War, *Gibraltar*, por la militkaptitoj internigitaj en tiu loko.

La sendaĵoj por tiuj oficejoj estu *nefermitaj*; por esti sendeblaj *senafranke*, ili havu la mencion: „Sendaĵo por militkaptito".

interŝanĝado de tiuj kaptitoj komencis antaŭ kelka tempo. Ĉiutage trapasas Svisujon kelkcentoj de tiaj personoj. Oni kalkulas, ke en la daŭro de ses semajnoj la interŝanĝoj estos plenumitaj, almenaŭ koncerne Francujo kaj Germanujo-Aŭstrio-Hungario.

Aparte de la civilkaptitoj estas la *garantiuloj*,[1] kiuj estas forkondukataj de la armeoj kiel garantio por la plenumo de iu promeso. Sub la patronado de la Ruĝa Kruco, fondiĝis en *Basel* speciala oficejo, kiu sin okupos pri helpo al tiuj personoj. Ĉiujn informpetojn oni sendu al tiu institucio. (Bureau des ôtages — Hilfsstelle für Geiseln, Basel (Bâle), Freie Strasse 107).

Pro la militagoj amaso de personoj devis rapidege forlasi sian hejmon kaj ofte troviĝas fremdlande tute sen rimedoj. Por tiuj rifuĝintoj, speciale belgaj, helpado estis organizita en la militantaj landoj, ankaŭ en Nederlando kaj Svisujo, sed tre ofte okazas, ke pro la subiteco de la okazintaĵoj anoj de sama familio disiris kaj perdis unu la alian. Per la helpo de virinaj organizaĵoj stariĝis en *Lausanne* (place St. François 6) *Internacia Virina Inform-Oficejo por la militviktimoj*. Ĝi faros klopodojn por retrovi malaperintojn kaj laŭeble interrilatigi la rifuĝintojn kun ilia familio.

Fine, la *Centra Oficejo de UEA*, kiu estas en regulaj rilatoj kun la tri supre nomitaj institucioj, aranĝis servon por transsendado de leteroj inter la militantaj landoj, kiu estas priskribita en speciala artikolo. Ĝi ankaŭ ricevis multnombrajn petojn pri serĉado de malaperintaj personoj, interrilatiĝo kun milit- aŭ civilkaptitoj, transsendado de mono, ktp., kiujn ĝi povis kontentige plenumi ĉu mem, ĉu per la Delegitoj, ĉu per siaj rilatoj kun la cititaj oficejoj.

Tiamaniere dank'al tiuj institucioj, kies tasko sufiĉe precize apartigata kompletigas unu la alian, oni penas labori por laŭeble malpliakrigi la militkonsekvencojn kaj jeti radiojn — ho ve! ofte nefortajn — de espero kaj konsolo inter tiom da ruinoj kaj doloroj.

---

## Nigraj animoj

Priskribu kiel homo la homojn! Tio estas tre simpla: Lasu paroli ilin mem. Poste ekzamenu, kian rajton je la sankta humanismo havas la nigraj animoj de Afriko...

Per tiu ĉi devizo Leo Frobenius, la fama esploristo de Afriko, nin enkondukas en sian plej novan verkon *„Nigraj animoj"*.

Novelojn kaj fabelojn, fablojn kaj humoraĵojn de la negroj li prezentas en ĝi. En la interno de Afriko, ĉe la riveroj Nigero kaj Nilo, ĉe la Haŭssa'j, Nupe'j, Songai'j, Joruba'j kaj en Kordofano li ilin kolektis. Per nesuperebla lerteco li ilin elloĝis de la negroj, profunde enpenetrante en la sekretojn de ilia vivo anima, — de vivo anima, kiun ili, en aliaj cirkonstancoj, kutime kaŝas timeme al la Eŭropanoj, ŝajnigante malcedemon kaj malinteligenton.

Kolektante siajn spertojn unuavice ĉe la degenerintaj loĝantoj de la mara bordo, la Eŭropano ĝenerale opinias la negrojn malkapablaj je ĉiu pli nobla sentado; li traktas ilin preskaŭ kiel bestojn. Kontraŭe Frobenius serĉas signojn de ilia homeco, de ilia mondkompreno. Li esperas progresigi ankaŭ la koloniajn aferojn, malkovrante la veran „psikon" de la negroj, montrante vojon agi kun ili laŭ iliaj hereditaj komprenoj.

Jam en siaj ĝisnunaj verkoj li konstatis signojn de malnova kulturo inter la popoloj de interna Afriko kaj montris, ke nuntempe ili ja parte „nigger"-iĝis per la influo de l' Islamismo, sed posedas antikvajn artverkojn, kiuj atestas kulturitan vivon animan kaj altan inteligenton.

En „Nigra Dekamerono" li publikigis en 1909 kolekton de noveloj plenaj de vivo kaj humoro, kaj kavalirajn legendojn el Sudano. — En la du volumoj „Kaj Afriko parolis" (1912) li raportas pri plastikaj kaj artmetiaj trovaĵoj ĉe la Jeruboj kaj pri historiaj tradicioj de „Nigerio". La portretaj bustoj elfositaj de li devenas el epoko de perfekta, grandskala arto. La artmetiaj objektoj supozigas bizancan devenon kaj rilatojn al la grandaj orientaj kulturfluoj.

La nelacigebla raportisto nun eldonis jam la trian volumon en la daŭro de unu jaro.

Buŝe oni komunikis al li la poeziaĵojn tie publikigitajn kaj tradicie konservitajn. De loko al loko vagadas en la interna Afriko la bardoj kaj rakontistoj de fabeloj. Vespere, apud la tendaraj fajrejoj, aŭ dum la foiroj, ili amuzas per enlandaj legendoj kaj fabeloj la atente aŭskultantan popolon, kiu vigle ripetadas la rekantaĵojn, akompanante la vortojn per akre ritmaj akordoj ludataj sur violono, harpo, tamburego aŭ „kalebaso".

Mallongaj kaj koncizaj estas iliaj frazoj, realeca ilia maniero de l' observado, kiu ŝatas la ornamon de ĉiuspecaj detaloj. Aludante pasintaĵon ili ĉiufoje ripetadas la tutan kuron de l' okazo; la subjekto plej ofte ripetiĝas en la komenco de ĉiu frazo. Oni preskaŭ ne povas imagi pli frapantan manieron de rakontado ol tiun de la negroj. Kvazaŭ plastike oni ekvidas la prezentataĵn okazojn. Sed samtempe ili aŭdigas grandan unutonecon, kiu tamen ne malhavas ritmon. Ofte oni imagas aŭdi el la traduko de Frobenius la ritmon de l' akompananta instrumento, jen certe konvinka pruvo de lia laŭstila reproduktado de la negra poezio.

Kelkaj legendoj per sia potence-konciza lingvo impresas kiel bibliaj psalmoj. Oni miregas pri la anima profundeco kaj filozofia pensmaniero, kiu ilin kreis. Viro, kiu malĝoje demandas pri siaj mortintaj infanoj, ricevas jenan respondon: „Sciu, ke ĉio forpasas kiel vespero, matena krepusko, mateno..."

Ni aŭdas, ke Dio sendis en la mondon sian filon kaj, ke suno, luno, arbaro, herbejoj kaj steloj oferis al li donacojn; sed la homoj lin mortigis kaj pro puno estas kondamnitaj al morto.

Ni plie aŭdas, ke sen milito kaj morto la vivo estus sole manĝado, trinkado kaj dormado sen ia valoro: „Sen morto ĝi ne estas bona." — Ŝajnas, ke ĉi tie kristana kaj orientala saĝeco nin iel reatingas per eĥoj.

Ofte ni renkontas ruzan humoron kaj malican ĝojon koncerne la trompiton, aŭ simboligitan naturobservon, ekzemple en la fablo pri la ombro kaj sonĝo, kiuj manĝis kune por interamikiĝi:

„La sonĝo donacis al la ombro kaprinojn, kanojn, drapojn. Kiam la sonĝo trovis ion apartenantan al la ombro kaj estis ĝin prenonta, ĝi jam estis for. Ĉiufoje, kiam la sonĝo volis ion kapti, ĝi ekmalaperis. Ĉiufoje, kiam la sonĝo volis ion kapti, la ombro estis doninta — nenion. La sonĝo donis kaj donis, kaj la ombro trompis kaj trompis. Tial la sonĝo disŝiris la ligilon de l' amikeco, kaj tial ne ekzistas plu amikeco inter ombro kaj sonĝo..."

En alia parto de la libro ni trovas novelojn pri la blindulo, „Makafo", kiun en Sudano oni honoras kiel sanktulon kaj kies antaŭsentemon oni plej profunde respektas. Laŭ la legendo dum konkurso de rakontistoj okazis, ke plej multe sciis raporti la blindulo. La reĝo diris: „Vere, inter ĉiuj ĉeestantoj la blindulo estas la reĝo de l' vivo. Al li mi donos la premion."

---

[1] F: Otage. G: Geisel.

Alia tipo ofte renkontata estas la „Goru“, la avarulo kaj nesatigebla manĝemulo, kiu al neniu lasas ion bonan, igas malsati siajn domanojn, kaj kiun fine trafas terura puno.

Ankaŭ pri malicaj, malbonfaraj maljunulinoj ni legas multajn rakontojn. Konkure kun la diablo la „sorĉistino“ pereigas tutan urbon en unu tago. En vere demona giganteco ŝi staras antaŭ sia farajo:

„La maljunulino dancis super la pordego de la urba muro. La urbo pereis per brulado. La homoj mortintaj kuŝis sur la tero, la aliaj forkuris. La maljunulino dancis kaj kantis... Venis la diablo. La diablo suriris la urban remparon. La diablo mallevis la rigardojn al la urbo. La diablo rigardis la mortintojn kaj la domojn pereintajn per brulado. En la centro de l' urbo kuŝis malvivaj unu apud la alia la reĝo kaj Jerima. Eĉ ne unu vivanta homo restis en la urbo. La hienoj alkuris el la arbetaĵoj. La vulturoj rondflugis tra la fumo pendanta en la aero. Ĉi ĉion rigardis la diablo. La diablo diris: „Kio estas tio? Ĉu vi, maljunulino tion faris en unu tago? Se tion vi faris hodiaŭ, kion vi faros morgaŭ?“

La diablo ektimis la maljunulinon. La diablo desaltis de l' remparo. La diablo sin kaŝis en la tero. La maljunulino ne revidis lin...“

Ĉu iam en la eŭropa literaturo oni priskribis pli plastike la neneigan povon de virina malamo? Ĉu ne plej freŝa moderneco estas trovebla en ĉi tiuj primitivaj realajoj?

En simile frapanta maniero estas karakterizata la plimulto el la figuroj, kiujn Frobenius prezentas en la ĉapitro: *Figuroj kaj iliaj kreintoj.* Tio estas sorĉosciaj Ŝamanoj, plenumantaj en ekstazo nekredeblajn miraklojn, trompuloj superruzantaj unu la alian, herooj venkantaj grandegulojn kaj monstrojn.

Kelkafoje tie reviviĝas konata legenda motivo. Pri „Siegfried“, la mortiganto de drakoj, pri „Tannhäuser“, pri la malica pigmeo „Mime“ ni estas rememorigataj; ni opinias trovi malnovajn rilatojn inter la popoloj aŭ mirigan egalecon de la homa naturo, kiu ĉiam denove prikantas la samajn malnovegajn simbolojn: la antaŭtempan morton de la belo, brilo, la enviemon kaj malicon de la pedantulo, la venkon de l' ruzulo kaj la gloron de l' fortulo.

La fabeloj kolektitaj de Frobenius estas plenaj de orientalaj ardo kaj fantazio kaj strange kontrastas la simplecon de la okcident-sudanaj legendoj.

La fina parto de la libro *„Enamiĝintoj“* estas dediĉita al la ama vivo de l' negroj. Ĝi enhavas fablojn kaj rakontojn de nekaŝata nudeco kaj frapanta naiveco, — ofte groteskajn kaj maldelikatajn. Ne sensacion ili veku, sed servu al etnografiaj studadoj. La verko estas vendota sole al sciencistoj, esploristoj, interesiĝantoj pri koloniaj aferoj, artistoj kaj bibliotekoj. Ĝian literature-historian valoron povos prijuĝi sole pli posta epoko, kiu, esplorinte kaj komparinte, enordigos en la mondliteraturon la abundan materialon tie prezentitan.

Trad. *F. Pillath.*

---

## Alkoholo kaj arto

Jam en pratempo estis la certigo, ke la vino kaj arto estas du nedivideblaj aĵoj. En antikva Egiptujo la kantistinoj kaj dancistinoj antaŭ la komenciĝo de l'spektaklo trinkadis „arpon“, t. e. vinon, faritan el vinberoj, kaj nacian bieron „gekon“. La artistoj kaj pensemuloj de malgrandaziaj popoloj estis grandaj vinamantoj. Ankaŭ reĝo Solomono mem laŭdegis vinon kaj gajecon, kaj ankaŭ Martino Luter nenion havis kontraŭ la uzo de vino ĉe la tagmanĝo. Tiu ĉi kutimo konserviĝis ĝis niaj tagoj. La artistoj kaj verkistoj tre volonte ŝatas la vinon en sia privata vivado. Ankaŭ iliaj kunvenoj kaj kongresoj ne estas sen ĝi. Mi konas artistojn, kiuj certigas, ke ili nur dum ebrieco povas verki la plej bonajn verkojn. Kaj kiom multe da glorkantoj estas dediĉitaj al la vino. Eĉ estas pentraĵoj kiuj montras la bonan influon de vino.

Tamen tiu ĉi kredo al la spirito de l'vino estas nur profunda kaj longa erarado de l'homaro. La nuntempaj sciencaj esploroj nedisputeble parolas pri la malbono de l'vino kaj malaperigas la iluziojn, kiuj al multaj ŝajnis tiom belegaj.

La alkoholuloj kutime certigas, ke la vino estas necesa por ke la homoj estu gajaj, ravoplenaj kaj sociiĝemaj. Al tiu ĉi certigo oni povas facile kontraŭdiri, montrante nur, ke estas tiom multe da artistoj kaj sociaj agemuloj, kiuj, kvankam estas abstinentoj, tamen estas same gajemaj kaj sociiĝemaj, kiel la alkoholuloj. Krome, ilia entuziasmiĝo kaj vivĝojo estas konstantaj, sed la drinkuloj sentas ilin nur dum ebrieco.

Tiuj spiritaj verkoj, kiuj estas kreitaj dum ebria stato, se oni fordonas ilin al severa kritiko, estas kompare ne tiom valoraj, kaj ankaŭ ilia arta valoro estas pridisputebla. Tion oni povas diri eĉ pri tiaj literarturistaj gigantoj kiel Edgaro Poë kaj Beaudelaire kaj ankaŭ pri nia Poruks.[1] Okazas ankaŭ tiel, ke la verkistoj rezignas siajn verkojn, kiujn ili verkis dum ebrieco.

„Kaj se ni allasas — diras profesoro Forel — ke multaj rimarkindaj verkoj estas kreitaj sub la influo de alkoholo, do tio ja ne pruvas ankoraŭ, ke la aŭtoro, estante nedrinkulo, ne povus verki multajn pli bonajn verkojn. Mi estas certa, ke li povus multe pli bone verki.“

Multaj ekzemploj el la historio, vivo kaj literaturo montras, ke en tiuj ĉi paroloj kuŝas profunda vero.

Antikva greka pensemulo Diogeno ne trinkadis vinon, sed elverŝadis ĝin super la kapon, dirante: „Mi ne volas, ke mia kapo estu tiel malluma, kiel tiu ĉi pokalo.“ Foje la sama pensemulo diris al iu malsaĝulo: „Via kreinto certe estis ebria.“

Iu greka legendo rakontas, ke al Junono naskiĝis kriplulo de ebria Jupitero. Jen estas bona ekzemplo por ĉiuj kreantoj-artistoj, kiuj ebriaj kreas siajn spiritajn idojn kaj pensas, ke ili estos normalaj. Hipokrato, greka saĝulo kaj patro de medicino, klare montras en siaj verkoj, kiel malbone influas la vino la spiritajn kapablojn de l'homo. La leĝdonisto Likurgo eldonas eĉ la leĝojn, laŭ kiuj estas severe punata la drinkado. Ankaŭ Platono estas kontraŭ la uzo de vino.

Goethe skribas en sia taglibro: „Se mi povus min liberigi de uzo de vino, mi povus senfine multe verki.“ Sammaniere esprimiĝis ankaŭ la aliaj verkistoj. „Kaj se estas ankaŭ bonaj artverkoj — plie diras Forel — kiuj estas kreitaj dum ebrieco, ĉu tamen ili povas rekompenci al la homaro tiujn geniojn kaj talentulojn, kiuj pereis pro alkoholo?“

Kaj efektive! Ni rememoru nur, ekzemple, pri unu el niaj unuaj artpentristoj Arturo Baŭman, latvo, kiun la Akademio konsideris geniulo. La alkoholo igis lin kompatinda vagabondo, pro kio li devis ĝisvivi sian lastan tagon de ĉiuj forgesita kaj forlasita. Ĉu la popolo povas imagi kian floron forrabis al ĝi la alkoholo? Ankaŭ ĉe la morto de *Poruks* estas parte kulpa la alkoholo. Ja ĉiuj scias, kia estas la vivo de niaj scenejaj artistoj. Ĉu estas mirinde, ke la talento disfluidiĝas kiel neĝo kaj la artista vivo de aktoroj baldaŭ finiĝas? Pri la kantistoj ni ne parolu. La drinkado

[1] Latva verkisto de en Esperanto tradukita „Vakcîniuja Krono.“ (Rim. de l' traduk.)

estas la difektanto de ilia voĉo. La ekzemplojn ni ne devas serĉi malproksime. Ili estas renkontataj, tieldire, ĉe la hodiaŭaj artistoj, kies nomojn ne estus konvene ĉi tie citi.

En la literaturo tiaj ekzemploj estas multnombraj. *Leo Tolstoj* havas la verkon pri muzikisto Alberto. Li estas talentulo kun profunda animo. Sed la alkoholo igas lin sklavo, mortigas la talenton, pereigas la prudenton kaj sentojn, igas la homon vera mortulo. La pereigan influon de alkoholo ni vidas en „La viva mortinto" de l' sama verkisto. Ankaŭ *Kuprin*, rusa verkisto, havas bonegan verkon pri iu pentristo, kiu oferas al la alkoholo sian faman junecon kaj nun almozpetas sur la stratoj. Nenio plu povas lin elŝiri el la ungegoj de lia serviganto.

Mi opinias, ke tiuj ĉi ekzemploj estos sufiĉaj. La devo de ĉiu artisto, verkisto kaj socia aganto estas malaperigi la malnovajn tradiciojn kaj plifortigi la volforton. Tiel ili devas agi ne nur pro si mem, sed pro la tuta popolo. Ili ne rajtas forpreni al la popolo ĝian talenton kaj kapablojn. Ili devas esti bonaj ekzemploj kaj ne ia ajn mirinda escepto, al kiu, kiel artisto, ĉio estas permesita. Tiel ili devas agi pro la arto mem, al kiu ili servadas.

*L. P.*
Trad. *Vibo.*

# ☆ NOTOJ ☆

∴ **Poŝtaj rilatoj kun milit- kaj civilkaptitoj.** — La Supera Direkcio de la Svisa poŝto transdonas al ni la jenan komunikaĵon, kiun ni juĝas utile represi pro la praktikaj informoj, kiujn ĝi enhavas: „La svisa poŝtadministracio *tute senafranke* plenumas la poŝtan servon por la *militkaptitoj* kaj por la *militistoj* de la diversaj militantaj armeoj, *internigitaj en neŭtralaj landoj*:

1e *Leteroj, poŝtkartoj kaj presaĵoj ordinaraj aŭ rekomenditaj leteroj kaj skatoloj kun deklarita valoro.* La servado entenas la sendaĵojn el ĉiuj landoj transdonatajn al la svisa poŝto por esti reekspedataj. La publiko ne devas meti la sendaĵojn sub speciala koverto alsendata al oficejo de la svisa poŝtadministracio, sed simple ilin deponi ĉe sia poŝtoficejo. La adreso de la sendaĵoj havu kiel eble plej precizan indikon pri la nomo de l' ricevonto, lia enregimentiĝo kaj restloko, kaj la mencion „Militkaptito". La nomo de l' ekspedinto aperu ankaŭ sur ĉiu sendaĵo.

2e *Poŝtaj pakaĵoj.* Nuntempe, la servado rilatas nur al poŝtpakaĵoj alsenditaj al la militkaptitoj internigataj en *Germanujo, Francujo* kaj *Aŭstrio-Hungario*, aŭ ekspeditaj de ili. La pakaĵoj ne pezu pli ol 5 kg, nek havu deklaron pri valoro. Ili estu akompanataj de ekspedbulteno kaj dogandeklaro. Sur la pakaĵo oni enskribu la precizan adreson de l' ricevonto kaj la mencion „Militkaptito". Tiajn sendaĵojn oni deponas ĉe la poŝtoficejo aŭ ĉe la stacidomo tute kiel ordinarajn poŝtpakaĵojn. Estas ne permesite enmeti personajn komunikaĵojn en la sendaĵoj.

3e *Poŝtmandatoj.* La svisa poŝto peradas la interŝanĝon inter la jenaj landoj: *Germanujo-Francujo* kaj *Tunizio, Aŭstrio-Francujo-Britujo* kaj *Serbujo*. Oni enskribu sur la poŝtmandato la adreson de la Svisa ĝenerala poŝtkontrolo en Bern (Contrôle Général des postes suisses, Berne — Schweizerische Oberpostkontrolle, Bern). La sumo de la poŝtmandatoj estu pagata ĉe la origina poŝtoficejo. La mandatformuloj estos redaktataj kiel la aliaj internaciaj mandatoj, krom tiu diferenco, ke dorse de la kupono oni notu precize la nomon de la ricevonto, lian enregimentiĝon kaj restlokon.

Oni *ne* povas uzi la perecon de la svisa poŝtadministracio por sendi monon per poŝtmandato aŭ letero kun deklarita valoro por *civil*kaptitoj aŭ privatuloj."

∴ **Agentejo de la militkaptitoj.** — Ĉiutage la agado de la Agentejo de la militkaptitoj en Ĝenevo fariĝas pli intensa. La nombro de la informoj liverataj al la interesataj familioj en la diversaj landoj kreskas en kontinua maniero.

En la semajno de la 9 ĝis la 15 novembro, estis donitaj informoj al 3452 familioj en Francujo, 1035 en Germanujo, 136 en Britujo kaj Belgujo, t. e. entute 4623.

En la semajno de la 16 ĝis la 22 novembro, tiuj ciferoj estis 4358 por Francujo, 3501 por Germanujo kaj 237 por Britujo kaj Belgujo, t. e. entute 8096 (kresko de 3473, t. e. 75 %).

En la semajno de la 23 ĝis la 29 novembro, la ciferoj estis 6552 por Francujo, 2436 por Germanujo kaj 244 por Britujo kaj Belgujo; entute 9232 (kresko de 1136, t. e. 14 %).

Resume, en la daŭro de du semajnoj, la nombro de la praktikaj rezultatoj duobliĝis. Je la 28 novembro 1184 familioj en Francujo, 552 en Germanujo kaj 68 en Britujo aŭ Belgujo, ricevis per la Agentejo precizajn informojn pri samfamilianoj. Tio estas belega rezultato, kiu estas valora rekompenco por la kunlaborantoj je tiu vasta entrepreno.

∴ **La rehejmigado de la internigitaj personoj.** — Dank' al la klopodoj de la Oficejo por la rehejmigado de la civilkaptitoj en Bern, de la 23 oktobro ĝis la 30 novembro, 910 francoj sen monrimedoj, el kiuj 559 virinoj kaj infanoj, estis rehejmigataj al sia lando, tra Schaffhausen kaj Genève. Proksimume la sama nombro trapasis Svisujon, je siaj kostoj, per ordinaraj vagonaroj.

La cifero de la germanoj kaj aŭstrianoj-hungaroj rehejmigataj el Francujo inter la 2 kaj 30 novembro atingas 6474. El ili estas 5073 germanoj (226 viroj, 4422 virinoj kaj 424 infanoj) kaj 1401 aŭstrianoj-hungaroj (96 viroj, 1122 virinoj kaj 183 infanoj).

Entute la nombro de la civilkaptitoj rekondukitaj al ilia lando atingas ĉirkaŭ ok mil. Tamen, ankoraŭ kelkaj miloj estas ankoraŭ en Francujo. Sed dank' al la klopodoj de la nomita oficejo, la transportoj fariĝos pli kaj pli oftaj, kaj oni esperas, ke je Kristnasko la granda pli multo de la kaptitoj estos rehejmigataj; ili povos festi Kristnaskon ĉe sia familio.

Multaj leteroj kaj kelkaj donacoj atestas pri la danksentoj de la rehejmigitaj personoj.



# Al niaj abonantoj

**Ĝis pliboniĝos la cirkonstancoj, nia gazeto regule aperos ĉiumonate.**

**La abonantoj, kiuj estus senpere informataj pri finiĝo de sia reabono, estas petataj kiel eble plej baldaŭ sendi al ni la sumon de 5 frankoj per poŝtmandato aŭ respondkuponoj. Ni ne sendos poŝtrepagilon. Sekve la personoj, kiuj ne repagas en la tempolimo fiksita de la avertilo, ne plu ricevos la gazeton.**

**Escepte, ni ankaŭ akceptos sesmonatajn abonojn po 2,50 frankoj.**

**La abonantoj loĝantaj en regionoj, kun kiuj la poŝtrilatoj nun estas interrompataj, ricevos la aperintajn numerojn tuj kiam estos eble.**

**La abonantoj, kiuj militservas aŭ estas militkaptitoj, kaj ne havus la eblon nun sendi sian reabonon, bonvolu nin informi.**







# LA DEKA KONGRESO

Ho ve! la Deka Kongreso, al kiu dum la tuta jaro direktiĝis tiom da esperoj, por kiu senlace laboradis tiom da kunligitaj bonvoluloj, svenis en la sango kaj intergenta malamo.

Malĝoje estas direkti la penson al tiuj mallumaj tagoj, kiuj dispremis la „rondon familian", sed, ĉar ni supozas, ke tio interesos la multnombrajn ne alveturintajn kongresanojn, ni resumos la diversajn impresojn kaj raportojn de la ĉeestintoj.

Neniu povis dubi pri tio, ke la Deka estos la plej brila kaj grava el ĉiuj ĝisnunaj kongresoj. Tion jam montras la nombro de la aliĝintoj, kiu, komence de aŭgusto, atingis la nombron 3700. Bonegaj estis la diversaj aranĝoj. La kongresejo en Gaumont Palace estis belege ornamita kaj praktike instalita, ĉiuj aferoj estis en bona ordo. Pro tio ni bone povas kompreni la ĉagrenon de la Parizaj samideanoj, kiam ili vidis detruita sian grandiozan laboron, kiun ili plenumis kun tiom da sindonemo, tiom da ĝojo kaj tiom da lerteco kaj sperto![1] Ni kore danku ilin pro tio; ja ne estas ilia kulpo, ke ĉio venis alie, ol ili pensis.

Oni scias, ke diversaj karavanoj estis aranĝitaj por faciligi la vizitadon al la kongresurbo. La germana karavano. por kiu 365 personoj anoncis sian partoprenon, estis lastmomente nuligita por la deklaro de la milita stato. La partoprenontaro konsistis ĉefe el germanoj, krome el aŭstrianoj, hungaroj, norvegoj, svedoj, rusoj, finnoj kaj poloj. Por la karavananoj, kiuj jam alvenis en Berlin ĝis vendredo vespere, la Berlina Esperanto-Gruparo aranĝis kunvenon, en kiu estis priparolataj la farotaj paŝoj por la hejmenvojaĝo de la alvenintoj, precipe de la eksterlandanoj. Ili rericevis sian kotizon, kaj per helpo de Berlinaj samideanoj estis aranĝata ilia forveturo por sabato antaŭtagmeze; esppereble ĉiuj bone kaj sen malfacilaĵoj atingis sian hejmlokon.

Inter la karavananoj partoprenis la frato de nia Majstro, D-ro Felikso Zamenhof, al kiu okazis bedaŭrinda akcidento. Ekforvojaĝante kun sia edzino el Berlin, kie ili ĵus alvenis, S-ro Zamenhof elartikigis ambaŭ piedojn ĉe la eniro en vagonaron. Tamen, ili forveturis por ĝustatempe atingi la landlimon. Sed ankaŭ ili ne sukcesis eniri Rusujon, kaj pro tio devis reveni Berlinon, kie ili povis resti kun permeso de la politika polico. Dank' al la afabla helpo de nia samideano D-ro Schwab, kiu ankaŭ kuracis la malsanajn piedojn de S-ro Zamenhof, la gesinjoroj trovis agrablan loĝejon en bona pensiono, kie ili restis ĝis la 5 septembro. Tiam ili povis reveturi hejmlandon pasante tra nordaj landoj.

Nia Majstro kaj edzino alvenis en Köln la 1 aŭgusto. Tie ili eksciis la proklamitan staton de minacanta militdanĝero. Senprokraste ili revojaĝis orienten, por ankoraŭ sufiĉe frue atingi la rusan landlimon. Ili ja atingis la limon, sed ne plu veturis vagonaro al Rusujo. Pro tio ili reveturis Berlinon kaj de tie tra Danujo, Svedujo kaj Finnlando, al Petrogrado, kie ili estis ankoraŭ je la fino de aŭgusto. Lastmomente la C. O. de UEA, ricevis de D-ro Zamenhof leteron el Varsovio. Nia Majstro sciigas, ke li kaj lia familio troviĝas en tute bona stato.

La britaj karavanoj al Parizo okazis, sed la reveno ne estis sen malfacilaĵoj. Unu karavano kondukita de nia prezidanto, S-ro Mudie, alvenis en Parizo sabaton vespere, kaj tuj evidentiĝis, ke la situacio estas ne normala. Oni ĵus eksciis, ke la mobilizado estis proklamita. En la stratoj regis ĥaoso kaj febro. La alia karavano gvidita de S-ro Blaise alvenis ankaŭ sabaton vespere; ĝi kalkulis ĉirkaŭ 200 samideanoj. Jen kiamaniere S-ro Blaise rakontas siajn aventurojn[2]:

„. . . . Antaŭ ol mi estas preterpasinta la barilon, mi aŭdis la vorton mobilizado kaj vidis mem alvokon sur la muro: Mobilizado ĝenerala komenciĝis je la 5. 30. Mi tuj komprenis la gravecon de la vorto, sensignifa por la plimulto inter la britoj, se ne por ĉiuj. Mi jam sciis, ke la Kongreso ne povis okazi. Sed kion fari? Ĉiuj miaj kunuloj estas lacaj. Mi sendu ilin tuj al iliaj hoteloj, por ke ili povu almenaŭ ripozi, vespermanĝi, kaj eble viziti la Kongresejon. Mi do zorgas unue pri la veturiloj. Sed, ho ve! jam la duono el ili estis dungitaj de la militaj aŭtoritatoj por la transporto de soldatoj kaj pakaĵoj. Baldaŭ, tamen, ĉiuj estas survoje al siaj loĝejoj, krom kelkaj malfeliĉuloj kiel mi, kiuj registrigis siajn pakaĵojn. Du — tri el tiuj koleriĝis, tial ke ili tuj ne povis ricevi siajn pakaĵojn; ĉar Esperantistoj ne ĉeestis la stacidomon; ĉar la registaro permesis, ke ili alvenu en Parizon, kiam ĝi bone sciis, ke ili tie ne povos resti; ĉar mi, kiel organizanto de la karavano, ne volis serĉi grandegajn kestojn el la vagonaro, ktp."

Fine, post ne malmultaj klopodoj, la britaj karavananoj sukcesis forveturi hejmlandon.

Krom ili estis alveninta sufiĉe granda nombro de samideanoj izole vojaĝantaj, precipe el malproksimaj regionoj (Rusujo, Siberio, Ameriko). Ili povis foriri ne sen pli-malpli agrablaj aventuroj dum sia revenvojaĝo. Feliĉe, en multaj okazoj la helpo de la Delegitoj kaj de Esperantistoj estis netakseble utila al la fremdaj samideanoj kaj evitigis al ili tro da malagrablaĵoj. Aliaj nemultaj, apartenantaj al la militantaj landoj, ne sukcesis forveturi ĝustatempe kaj estis internigataj en Francujo kiel civilkaptitoj. Cetere, kelkaj — dank' al klopodo de konataj Esperantistoj — povis poste reveturi. Pro la stato de la aferoj la nombro de la alveturintaj germanoj kaj aŭstrianoj estis malgranda. Pluraj rusaj samideanoj veturis al Londono, kie ili restis kelkajn tagojn, kaj poste reiris al sia hejmo tra la Skandinaviaj landoj.

Ni revenu al la Kongreso mem. Sabaton vespere, ĉe la Hotel Windsor, okazis kunveno de la Organiza Komitato, kiu alprenis la jenajn decidojn:

1e Malfermi la Kongreson kiel anoncite dimanĉvespere kaj se pli bonaj informoj ne estos ricevitaj, fermi la kongreson tuj poste.

2e Ke la Prezidanto de la Kongreso estu Generalo Sébert.

3e Ke la Organiza Komitato laŭeble redonu monon al tiuj kongresanoj, kiuj jam postulis ĝin, sed ke oni ne redonu la monon por kongreskarto al la ceteraj kongresanoj.

4e Deklari, ke nenia plendo pro tio, ke pli frue ne estis eble averti pri la ebla forlaso de la Kongreso, estu pravigebla kontraŭ la Komitato.

Fakte, oficiala malfermo de la Kongreso ne okazis, sed tamen je la anoncita horo cento de personoj estis en la Kongresejo, kie S-ro G. Warnier, la sindonema kongressekretario, faris neformalan malferman paroladon. Poste ĉiuj disiris por sin rapide pretigi al la foriro.

Tiel, plenumiĝis nia Deka. . .

* * *

Ni devas aldoni, responde al diversaj demandoj, ke la neĉeestintaj kongresanoj ricevos post la milito la diversajn oficialajn dokumentojn kaj la kongresinsignon. La personoj, kiuj sendis monon por loĝado, ekskursoj aŭ festoj, ankaŭ ricevos ĝin je la fino de la milito.

---

[1] El *„Germana Esperantisto"*.
[2] El *„British Esperantist"*.

# KRONIKO

Oni facile komprenos, ke en nunaj cirkonstancoj, ne vigla estas la Esperanto movado, ne sole en la militantaj landoj, sed ankaŭ en la aliaj, kie la intereso koncentriĝas je la militaj aferoj. Tamen, en multaj lokoj daŭrigas la grupaj kunveno kaj la propagando. Dank' al la servo por interŝanĝo de leteroj, starigita de UEA miloj de neesperantistoj estas atentigataj pri nia Asocio, nia afero kaj ĝia praktika utileco. El tiuj semoj oni povas esperi rikolton, kiam pli favora estos la tempoj..

Ni ĉi-sube raportas pri la propagandaj faktoj, kiujn oni konigis al ni de la komenco de l' milito. Ni petas, ke niaj Delegitoj aŭ iliaj anstataŭantoj, bonvolu kiel kutime, sendi al ni informojn pri ĉiu interesa propagando, pri kunvenoj kursoj, ktp. Nia gazeto estas ankaŭ preta enpresi la komunikaĵojn de la nacia societoj, kies organo estas interrompita. Ĝuste nun, utilas montri, ke malgraŭ ĉio ni ne malesperas, sed daŭrigas nian vojon, ĉar ni scias, ke sekvi ĝin estas labori por pli bona homaro.

## Aŭstrio-Hungario.

*Wien:* La anoj de la Unua Esp. Unuiĝo kunvenas ĉiuvendrede en Kafejo Prückel I, Stubenring 24. En kunveno de la Esperanto-Junularo, S-ro P-ro Otto Simon paroladis pri: „Mondmilito kaj mondlingvo" kaj D-ro Sos, Del. de UEA, pri eventualaj praktikaj servoj de UEA.

## Britujo.

*Bath:* Nova kurso komenciĝis. — *Birmingham:* Vintra kurso okazas. — *Bradford:* La kunvenoj de la grupo rekomenciĝis. La jara kunveno de la Esperantianoj akceptis la raporton de la Del. kaj substrekis la necesecon speciale subteni UEA dum tiu periodo. — *Burnley:* Okazas kelkaj kursoj kun ŝatinda sukceso. — *Cheltenham:* S-ro Garnick gvidas kurson en la Teknika Lernejo. — *Edinburgh:* Ĉiusemajne okazas kunveno kun parolado. La 7 oktobro S-ro Page parolis pri Esp. kaj la nuna krizo. — *Glasgow:* Publika kunveno por malfermi la vintran laboron okazis la 21 septembro. Ordinaraj kunvenoj okazas ĉiulunde. — *Huddersfield:* Elementa kurso komenciĝis ĉe la Teknika Kolegio. — *Keighlej:* La jara kunveno okazis la 5 oktobro. — *London:* Esperantaj diservoj daŭrigas okazi unufojon monate en Harecourt Church. La 23 oktobro S-ro Blaise paroladis pri Belgujo ĉe la Londona Klubo kun lumbildoj; similaj paroladoj okazis en diversaj kvartaloj de Londono kaj en aliaj urboj. La kluboj daŭrigas kunveni. Kelkaj vintraj kursoj estis malfermitaj. — *Mexborough:* Nova kurso malfermiĝis. — *Northampton:* La 24 septembro S-ro D-ro Beathy paroladis; sekvas nova kurso. — *Plymouth:* La grupo kunvenas ĉiulunde, merkrede kaj vendrede.

## Francujo.

*Paris:* La grupanoj ĉiumonate kunvenas por reciproka helpado kaj informado. En la pli multaj provincaj urboj, publika agado estas interrompita.

## Germanujo.

*Berlin:* Malgraŭ la milito kelkaj grupoj daŭrigas kunveni. — *Dresden:* La tieaj grupoj daŭrigas siajn kunvenojn. La 17 oktobro okazis la jara kunveno. Estis raportoj pri Esp. kaj milito kaj rakonto de S-ro Bennemann pri vojaĝo al Parizo. — *Eckernförde:* Ekzercaj vesperoj okazas ĉiumarde. — *Hamburg:* La unuan ĵaŭdon de ĉiu monato okazos ĝenerala kunveno. — *Leipzig:* Kondiĉe ke la urba deputitaro aprobos la decidon, la magistrato de Leipzig konsentis al la Saksa Esp. Instituto konstantan monhelpon de 500 M. jare. — *Lübeck:* Kunveno okazas la unuan merkredon de ĉiu monato. — *Stuttgart:* La kunvenoj okazas kiel kutime, sed kompreneble malpli vizitataj. Jam kelkfoje la Del. kaj Vicdel. de UEA havis la okazon fari servojn pri militkaptitoj. Pri francaj samideanoj kaptitaj en Stuttgart oni sendu la nomojn kaj rangajn detalojn al Prof. Christaller, Neue Weinsteige 61.

## Grekujo.

*Salonique:* Fondiĝis Socialista Esp. Asocio, kiu jam kalkulas 35 membrojn.

## Nederlando.

*Hago:* La grupo rekomencis kunveni ĉiusemajne. Pro la okazantaĵoj, ĝi ricevis la viziton de kelkaj fremdaj Esp-istoj. Inter ili troviĝis samideanoj el Bohemujo harpvirtuozo Klička kaj kantistino Lenarde-Schroedl, ambaŭ el Praha. Por helpi al ili la Haga Esp. Propaganda Komitato aranĝis sukcesplenan koncerton. — *Rotterdam:* La grupo „Merkurio" daŭrigas regule funkcii. Kelkaj fremdaj samideanoj estis akceptitaj. Kvankam apartenantaj al malamikaj nacioj, reciproke nur montriĝis la amika sento Esperantista.

## Rusujo.

*Astraĥan:* Kurso okazas ĉe la komiza societo. — *Moskvo:* S-ro Ivanov paroladis la 3 septembro pri „Nia devo dum milito." Moskvaj Esp-istoj intencas fondi en iu ajn hospitalo unu aŭ kelkajn litojn, portantajn la nomojn de Esp. organizaĵoj. — *Kiev:* „Komitato por serĉado de restintoj eksterlande" sukcese uzis la servojn de la Del. de UEA. — *Pjatigorsk:* Nova kurso okazas.

## Svisujo.

*Genève:* La klubo kunvenas regule ĉiumerkrede.

# DIVERSAĴOJ

.·. **Esperantista Akademio.** — Ni ĉi-sube represas la raporton de S-ro Th. Cart pri Esperantaj verkoj rekompencitaj de la Akademio:

„Kun bedaŭro la Akademio konstatis, ke tre malmultaj estis la prezentitaj verkoj. Niaj eĉ plej gravaj firmoj kaj plej rajte famaj verkistoj sin detenis — sendube pro neatento aŭ nescio — de ĉiu prezentado.

„Ŝajnis tamen bone al la Akademio rekompenci jam nun kelkan el la *regule* proponitaj libroj, kun la espero altiri tiamaniere la atenton de la interesataj personoj. Ĝi estus feliĉa, se proksiman jaron multaj estus la kandidatoj, kaj precipe, se gravaj ili estus kaj tiaj, ke ĉiam pli severa kaj, sekve, pli konsiderinda kaj signifa, fariĝus la Akademia rekompenco. Bone estus, por atingi tian rezultaton, ke la esperanta gazetaro helpu, pli ol ĝi faris, por konigi la Akademian konkurson kaj ĝian regularon.

„Ni opiniis pli saĝe kaj pli dece ne montri en tiu ĉi raporto la — kvankam bonajn kaj interesajn — ne rekompencitajn verkojn, tial ke tio povus tute malprave ŝajni al kelkaj la speco de malaprobo.

„Estis elektataj, per sep aŭ ok voĉdonoj (10 Akademianoj voĉdonis; 2 ne voĉdonis), jenaj verkoj, kiuj de nun havas la rajton al la surskribo: „Rekompencita de la Akademio".

Ch. Wagner: *Estu Homo*, tradukita de S. Meyer.
H. Conscience: *Rikke-Tikke-Tak*, tradukita de Marie Posenaer.
H. A. Luyken: *Mirinda Amo* (originalaĵo).
H. de Balzac: *La Vendetta*, tradukita de M. Merckens.
*Rolandkanto*, tradukita de S-ro Noel.

Ili ĉiuj sin rekomendas per plene fundamenta korekteco en la stilo, kio estas la unua kondiĉo por meriti rekompencon, kvankam ne la sola.

*Estu Homo.* Bonega traduko, bonega enhavo, senerara presado, tiaj estas la kvalitoj, kiujn konstatis en tiu ĉi verketo la Akademio kaj kiujn ĝi intencis rekompenci.

*Rikke-Tikke-Tak.* Stilo agrabla, emociplena. Ne tre verŝajna, kelkafoje iom infana estas la rakonto, kiu tamen ĉiam estas interesa, alloga kaj ofte kortuŝanta.

*Mirinda Amo* (originalaĵo) enhavas multajn ĉarmajn paĝojn, kiuj plaĉos eĉ al ne anglaj legantoj, kvankam certe la romano estas pli angla ol internacia. „El lingva vidpunkto *Mirinda Amo* montras tre grandan progreson kompare kun *Paŭlo Debenham* de l'sama aŭtoro. La stilo estas pli eleganta, pli flua; la aŭtoro malpli ofte

uzas la kunmetitajn vortojn; la neologismoj estas malmultaj kaj preskaŭ ĉiam klarigitaj; kelkaj gramatikaj eraretoj enŝoviĝis en la libron, sed ili estas ne gravaj.*

*La Vendetta.* Tre interesa, tre „drama" novelo de fama franca verkisto, tre lerte tradukita — kun vere esperanta kaj fundamenta konscienco — de talentoplena junulo, kiun tro frue por liaj amikoj kaj Esperanto forrabis senkompata morto.

*Rolandkanto.* Tiun ĉi epopeon, kun mirinda fideleco verse tradukitan, legos kun vera plezuro tiuj, kiuj ŝatas la militeman poezion de la mezepoko. Por la Francoj ĝi ludas samen rolon, kiel la *Nibelungenkanto* por la Germanoj. Firmaj, korektaj, preskaŭ ĉiam elegantaj estas la versoj de D-ro Noel. — *(Th. Cart.)*

.·. **Esperanto kaj turismo.** — Ĵus aperis je 20,000 ekzempleroj belega Esp. 32-paĝa gvidlibro pri *Grenoble kaj Dauphiné* (Sud-orienta Francujo), eldonita de la Iniciata Sindikato. Tiu luksa eldonaĵo, redaktata en tre korekta lingvo kaj ornamata per ĉarmaj ilustraĵoj, estos senpage sendata al ĉiu, kiu sendos ilustritan Esp. poŝtkarton al: Syndicat d'Initiative, Grenoble (Franc.).

Ni gratulas la Iniciatan Sindikaton de Grenoble pri tiu bela eldonaĵo kaj niajn tieajn samideanojn, ke iliaj klopodoj havis tiel bonan rezultaton. Imitinda ekzemplo!

## TRA LA GAZETARO

.·. La pli multaj Esperantaj gazetoj interrompis sian aperon. De la milito nur la jenaj gazetoj aperis: *British Esperantist, Germana Esperantisto, German-Aŭstria Esperantisto, Holanda Pioniro, Ondo de Esperanto, La Espero* (Norvegujo), *Vegetarano.*

.·. La C. O. de UEA sendis al la Delegitoj loĝantaj en la militantaj landoj artikolojn pri la servoj de UEA dum la milito. Tiu artikolo aperis en granda nombro de francaj, britaj kaj germanaj gazetoj kaj kaŭzis multegajn informpetojn. (Vidu la specialan raporton pri UEA kaj la milito.) Ĝi ankaŭ estis bona propagandilo por Esperanto.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

Tiu Oficiala Informilo anstataŭas la Oficialan Bultenon, kiun ni kutime sendas al la Delegitoj, komence de ĉiu administra jaro.

**Komitato de UEA.** — La Komitato de UEA, demandita per cirkuleroj en novembro, alprenis la jenajn decidojn, pri kiuj ni atentigas ĉiujn reprezentantojn kaj membrojn de UEA:

1. La Komitato dankas la kunverkintojn de la Oficiala Dokumentaro de la kvina Kongreso de UEA. Ĝi aprobas la raportojn pri la agado dum 1913/1914 (raportoj pri administrado, financoj, Garantia Kapitalo, Esperanto-diplomoj). La proponojn pri novaj aferoj (raportoj 4, 5, parto de 6 kaj 7) ĝi ekzamenos mem aŭ submetos ilin al posta Kongreso.

2. La buĝeto por 1915 estas nuligata. La Financa Fakestro rajtas pruntepreni ĉe la Garantia Kapitalo la sumojn necesajn por modesta dummilita ekzistado de la Centra Oficejo kaj, kiel kutime, devas informi la Komitaton pri la stato de la kaso. Tuj kiam eble, la mono estu redonata al la Garantia Kapitalo, sen interesoj.

3. La Komitato aprobas la raporton de la Direktoro pri la agado de UEA dum la monatoj aŭgusto-novembro, kaj la aranĝon de la servo por transsendado de leteroj inter la militantaj landoj. Ĝi rajtigas lin krei similajn servojn adaptitajn al la bezonoj kaj cirkonstancoj. En la landoj nemilitantaj la aliaj servoj, precipe tiu de informpetado, devas funkcii kiel antaŭe; kontraŭ la neakurataj Delegitoj estos aplikataj la kutimaj sankcioj. En la militantaj landoj, se la Delegito estas malhelpata labori, li — aŭ, se ne, la membroj — estas petataj elekti provizoran anstataŭanton.

4. Por la daŭro de la milito, ĝis regula repago de la kotizaĵoj, eldono de Jarlibro ktp. povos denove okazi, la Komitato fiksas jenajn eksterordinarajn kondiĉojn:

*a)* La Jarlibro por 1915 ne aperos. Al la novaj membroj estos sendata la Jarlibro 1914.

*b)* La enkasigo de la kotizaĵoj okazas kiel kutime, sed la Centra Oficejo ne rajtas forstreki la nepagintajn membrojn. La membreco de tiuj personoj, kiuj ne repagas la nunan kotizaĵon estas interrompata en tiu senco, ke ili ne havas iajn rajtojn; post la milito, en tempolimo fiksota de la Komitato, ili povos per repago de la intertempe ŝuldita sumo refariĝi aktivaj membroj kun la antaŭa membronumero, aŭ ili estos definitive forstrekataj.

5. La Komitato konfirmas la politikan neŭtralecon de UEA kiel ĝi estas fiksita en la Statuto. La membroj, kiel ĉiuj Esperantistoj, estas varme petataj interesiĝi al nia Asocio ankaŭ nun, baldaŭ pagi la kotizaĵon kaj helpi por la funkcigo de la servoj. Estas timinde, ke post la milito la repreno de la antaŭaj bonaj rilatoj inter diverslandanoj estos malfacila. Nia Asocio, kvankam ĝi estas relative malgranda, povos per sia internacieco kaj pro la amika spirito ĝis nun reginta inter la membroj helpi al baldaŭa realproksimiĝo de la diverslandanoj nun apartigataj de la milito. Por ke ni povu klopodi laŭ tiu direkto, por ke post la milito oni povu kunigi la Esperantistojn al nova agado, estas necese, ke la Centra Oficejo de UEA restu malfermata. Tial, la Komitato rekomendas ĝin al la atento kaj malavareco de la Esperantistoj.

**Al la Delegitoj de UEA.** — La Delegitoj kaj iliaj anstataŭantoj estas petataj alkonformiĝi je la supre notitaj decidoj de la Komitato.

Ili bonvolu, tiom kiom estas eble, klopodi pri la repago de la kotizaĵoj por 1915. La sumo de la kotizaĵoj estas la samaj kiel antaŭe: Fr. 2.50 por membro kaj Fr. 5 por Subtenantoj, sendotaj al ni afranke, malpli 50 centimoj, kiuj restas al la Delegito. Pro la nunaj cirkonstancoj la Interŝanĝa Fako ne funkcias. Ni rekomendas al la membroj, ke ili aliĝu kiel Subtenantoj (minimuma kotizaĵo: 5 Frankoj). La aliĝo al tiu kategorio ne trudas similan devigon por la postaj jaroj.

Kie okazas kunvenoj, la Delegito bonvolu informi la membrojn pri la servoj nun plenumataj de UEA kaj ilin instigi al repago de la kotizaĵo.

Al la repagintaj membroj, kies nomo kaj adreso estu kiel kutime komunikataj al la C. O., ni sendos banderolon por surglui sur la membrokarto kaj cirkuleron. Al la novaj membroj ni sendos membrokarton kaj la Jarlibron de 1914.

**Statistiko de la membroj.** — Administra jaro: 1 novembro 1913 — 31 oktobro 1914.

Membroj: 6956; Subtenantoj: 136; Dumvivaj membroj: 141; Honoraj membroj: 10; depreno por kvin personoj pagintaj en du kategorioj: 5. *Entute 7238.* (Antaŭa jaro: 6275).

*Interŝanĝa Fako:* 476 membroj. *Studenta Fako:* 36. (Antaŭa jaro: 424 kaj 41.)

*Esperantiaj Entreprenoj:* 430. (Antaŭa jaro: 346.)

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la administra jaro: 1 novembro 1913—31 oktobro 1914:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 16,535 | 22,423 |

*Tuta sumo: 40,463.* (Antaŭa jaro: 39,688.)

## Financoj.

*Spezoj dum la administra jaro 1913—1914.*

| Enspezoj | Fr. | Elspezoj | Fr. |
|---|---|---|---|
| Kotizaĵoj | 14,803. 70 | Oficejo | 1,072. 60 |
| Subtenantoj | 679. 55 | Salajroj | 5,214. 50 |
| Entreprenoj | 3,648. 45 | Korespondado | 2,052. 49 |
| Jarlibro | 1,532. 87 | Meblaro.Materialo | 1,992. 77 |
| Pagitaj servoj | 216. 37 | Presaĵoj | 1,494. 40 |
| Admin. Enspezoj | 259. 81 | Jarlibro | 5,848. 30 |
| | | Ĵurn. p. Entrepren. | 1,131. 05 |
| | | Admin. Elspezoj | 576. 65 |
| | 21,140. 75 | | 19,382. 76 |
| | | Saldo | 1,757. 99 |
| | 21,140. 75 | | 21,140. 75 |

| | |
|---|---|
| Gajno de la nuna jaro | 1,757. 99 |
| Perdo de la antaŭa jaro | 802. 64 |
| Havaĵo | 955. 35 |

Cifero de la aferoj prizorgitaj de la Centra Kaso: 164,636. 25 Fr.

La Interŝanĝa Fako komencis kun ŝuldo da 108. 55 Fr. kaj finis kun debito da 13. 57 Fr. Ĉar oni ne plu daŭrigas la Studentan Fakon, kiu ne respondas al bezono, oni transdonis al la Interŝanĝa Fako ĝian aktivan saldon kun 35.04 Fr., tiel ke tiu Fako nun bonhavas 21. 47 Fr.

Bern, la 19 novembro 1914.

La Financa Fakestro:
*Ed. Stettler.*

## Novaj Delegitoj.

*Southampton* (Anglujo). — D.: S-ro H. R. Lock, c. o. Burrell Brothers, 52, Commercial Road.

## Ŝanĝoj.

*Brighton* (Anglujo). — D.: S-ro J. G. Sims, Chichester Mansion Private Hotel, 16, Marine Parade. VD.: S-ro L. L. Hymans, 16, Powis Square.

Pro mobilizo de la Delegito elektiĝis anstataŭantoj en jenaj urboj:

*Angers* (Francujo). — S-ro H. Muffang, 7, rue du Fresne.

*Berlin* (Germanujo). — S-ro E. Wichert, Scharrenstrasse 32a, Charlottenburg.

*Lippstadt* (Germanujo, Westfalen). — S-ro K. Dölling, Möllerstr. 4.

*München* (Germanujo). — F-ino L. Heinrich, Parkstr. 22/I., M. 12.

*Saratov* (Rusujo). — S-ro A. R. Kornejev, Aleksandrovskaja 32.

*Troyes* (Francujo, Aube). — S-ro F. Doré, 4, rue Jeanne d'Arc.

## Eksiĝoj.

*Geyer* (D.: Weissbach); *Mittweida* (D.: Marchal); *Vucht* (D.: Theunissen).

---

# UEA dum la milito

Raporto prezentita de la Direktoro al la Komitato de UEA

La milito havis kiel tujan konsekvencon la plimalmultiĝon de niaj oficistoj ĉe la Centra Oficejo. Ni tamen decidis lasi ĝin malfermita, opiniante, ke eĉ en tiel malfavoraj tempoj nia Asocio povos fari servojn al siaj membroj kaj ke ĝi plie havas la devon fari ĉion eblan, kio povus eviti malplifortigon de nia afero.

La faktoj pravigis tiun decidon. Dum la ordinara administra laboro preskaŭ tute ĉesis, ni kontraŭe ricevis multnombrajn informpetojn de niaj membroj pri serĉado de perditaj personoj kaj transdonado de leteroj inter la militantaj landoj. Ni povis tiamaniere utili al multaj el niaj membroj. La milito okazis tiel subite, ke multaj personoj, okaze de vojaĝo aŭ libertempo, estis surprizataj fremdlande kaj, pro la rompo de la poŝtaj rilatoj, ne plu povis komuniki senpere kun siaj parencoj. La helpo de niaj Delegitoj kaj de nia Oficejo havis do por ili vere praktikan valoron.

La unuajn militsemajnojn ni ricevis informpetojn pri civil- kaj militkaptitoj, sed ĉar intertempe fondiĝis en Svisujo specialaj institucioj pri tio, ni decidis nin dediĉi pli speciale al alia servo, kiu montriĝis ankaŭ tre necesa kaj ne estis plenumita de speciala organo, nome la transsendado de la leteroj inter la militantaj landoj, kiu facile povas esti plenumata per nia Oficejo dank' al la favora situacio de la lando, en kiu ĝi sidas. Por ke ankaŭ la neesperantista publiko povu profiti tiun novan servon de ĝenerala utileco, ni per speciala cirkulero petis niajn Delegitojn en la militantaj landoj, ke ili presigu en la gazetoj de sia loko la jenan artikolon:

„Ĉar la militagoj okazis preskaŭ subite, multaj personoj troviĝis surprizataj en la malamikaj landoj kaj ne plu havis la eblon korespondi kun siaj parencoj kaj amikoj. Por laŭeble helpi ilin, la Oficejo de Universala Esperanto-Asocio, sidanta en Ĝenevo, ĵus informis siajn Delegitojn en la militantaj landoj, ke ĝi volonte servos kiel perilo por la interŝanĝado de privataj korespondaĵoj inter la malamikaj landoj. La leteroj estas ricevataj ĉe la Ĝeneva Oficejo el kie ili estas transdonataj al la adresato, se bezone post traduko. Estas akceptataj nur la nefermitaj korespondaĵoj havantaj absolute nenian politikan aŭ militistan karakteron. La personoj, kiuj deziras uzi tiun servon, nun en plena funkciado, estas petataj sendi ĉiujn leterojn, kun du internaciaj respondkuponoj, al Universala Esperanto-Asocio, 10, rue de la Bourse, Genève."

Tiu artikolo aperis en granda nombro de gazetoj, apartenantaj al la militantaj landoj. Ĝia rezultato estas la ĉiutaga alsendo de granda nombro de transdonataj leteroj. Lastatempe, kvankam la supra artikolo ne ankoraŭ ĉie aperis, venas meznombre 250 ĝis 300 leteroj po tago. La subaj ciferoj cetere montras la movadon de la korespondaĵoj ĉe la C. O. dum la lastaj kvin monatoj.

| | Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj | Sumo |
|---|---|---|---|---|
| Julio | 1375 | 946 | 315 | 2836 |
| Aŭgusto | 181 | 54 | 9 | 269 |
| Septembro | 254 | 1053 | 10 | 1317 |
| Oktobro | 1532 | 1562 | 20 | 3114 |
| Novembro | 3735 | 3929 | 45 | 7664 |

Oni rimarkos post la vigla agado de la antaŭkongresa monato la tranĉan diferencon de la militmonato. Post la klopodoj por aranĝo de la nova servo dum septembro, venas nova periodo de aktiveco, kiun forte tradukas la ciferoj de novembro.

La leteroj, tuj post ricevo, estas malfermataj, se necese tradukataj, enmetataj sub alia koverto kaj forsendataj. Sama procedo kun la respondo. Ni jam havis la plezuron tiamaniere helpi al granda nombro de personoj, kiuj malesperis ricevi novaĵojn pri parencoj aŭ amikoj restintaj en la malamikiĝinta lando, kaj kiuj, pere de nia Oficejo, povas regule interkorespondi kaj trankviliĝis. Ofte kortuŝaj estas tiuj leteroj, kiuj

dolore atestas pri la mizeroj kaj ruinoj semitaj de la milito. Specialaj presaĵoj estis faritaj por faciligi la funkciadon de tiu servo, kiu — ni ne bezonas insisti pri tio — estas valora praktika propagando por nia Asocio.

La C. O. ankaŭ ricevis plurajn petojn pri serĉado de militkaptitoj kaj rehejmigado de civilkaptitoj. La petoj de la unua kategorio estas transdonataj al la Internacia Agentejo de la militkaptitoj, kiun la Ruĝa Kruco fondis en Ĝenevo. Niaflanke ni faras la necesajn esplorojn per la Delegitoj, kaj kiam la restloko de Esperantista militkaptito estas konata de ni, ni petas la Delegiton, ke li laŭeble helpu al li. Rilate al la civilkaptitoj ni povis utili al la rehejmigo de kelkaj personoj je la komenco de la milito. Nun tiu entrepreno estas oficiale plenumata de speciala oficejo aranĝata de la svisa registaro.

La transsendado de la leteroj do restas nia ĉefa servo. Ni petas, ke niaj membroj bonvolu ĝin diskonigi, atentante pri la kondiĉoj notitaj en la supre represita artikolo. Ni povas transdoni leterojn al ĉiuj landoj, krom al la regionoj, kie okazas militagoj, t. e. ĝis novembro Nord-orienta Francujo kaj Galicio.

* * *

En septembro ni sendis al la Delegitoj cirkuleron por anonci al ili la aranĝon de nia letera servo kaj informi ilin pri la stato de nia Asocio. Nova cirkulero estis sendita en novembro kaj rilatis precipe al la propagando por la letera servo kaj al la repago de la kotizaĵoj. Ni dankas ĉiujn Delegitojn kaj personojn, kiuj bonvolis nin helpi en tiu malfacila periodo.

La ordinara administra laboro, kiel dirite, estis preskaŭ tute interrompita. Tamen lasttempe ĝi ree iom pli intensiĝis, kaj ni esperas, ke ĉi tiu eldonaĵo havos la rezultaton denove kunteni nian asocian vivon.

De la komenco ni atentigis la Delegitojn de la nemilitantaj landoj pri la fakto, ke la servo de informpetado devas daŭrigi kiel kutime. Ke en la militantaj landoj tia postulo ne estas tute atingebla, ni bone konscias. Tamen, eĉ tie la Esperantistoj ne okupitaj de la mobilizado devas zorgi pri anstataŭado de la Delegito, se ĉi tiu ne povas nun plenumi sian taskon, tiamaniere ke la leteroj povu esti akurate respondataj kaj la servoj plenumataj. Speciale membrinoj de UEA plenumi utilan rolon anstataŭante la Delegiton, se tiu ĉi kaj la ĉefaj Esperantistoj estas mobilizitaj. Ni ne bezonas insisti pri tio, ke servoj estas ŝuldataj al ĉiuj membroj, kia ajn estas ilia nacieco, sub la sola kondiĉo memkomprenebla, ke tiuj servoj ne kontraŭstaras la devojn de ĉiu Delegito kontraŭ lia patrujo.

Resume, kiel aperas el ĉi tiu raporto, UEA sukcesis esti utila al siaj membroj kaj al la publiko. Ke ĝi povas daŭrigi tiun humanan taskon, estos almenaŭ parta konsolo je la bato, kiun la milito momente alportas al nia movado.

*La Direktoro de UEA.*

# Niaj Mortintoj

Ho ve! ankaŭ en niaj Esperantistaj vicoj, la milito jam kaŭzis gravajn perdojn. Ni ĉi-sube aperigas la unuan malĝojigan liston de tiuj samideanoj, kiujn trafis la morto sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

* * *

**F. Blangarin**, el Parizo, fervora propagandisto de nia afero precipe en la laboristaj rondoj. Li estis fondinto kaj redaktoro de „Internacia Socia Revuo" kaj estis bone konata ĉe la Pariza samideanaro. S-ro Blangarin ĵus edziĝis la 18 julio. Li estis vundita ĉe la ventro kaj suferis dek tagojn.

**Willi Bruhn**, Esperantisto el Potsdam.

**Claudius Colas**, la juna fervora propagandisto de Esperanto ĉe la Katolikoj. La morto de Claudius Colas estas grava perdo por nia movado kaj speciale por la Katolika Esperantista movado, kies animo li estis. Dum kelka tempo li estis redaktoro de „Katolika Espero"; poste li sin dediĉis al la propagando de Esperanto ĉe francaj katolikoj kaj fondis franclingvan gazeton „L'Espérantiste Catholique". Fervore li laboris por la organizo de la Katolikaj Esperantistaj Kongresoj. Lasttempe Claudius Colas laboris kiel sekretario ĉe la Centra Oficejo en Parizo. S-ro Colas estas mortigita per kuglo en la kapo. La 13 novembro okazis intima esperantista funebra diservo je lia memoro. Proksimume 40 Parizanoj ĉeestis. La meson faris abato Contour, prez. de la katolika grupo; ĉe la orgeno, F-ino M. T. Capra akompanis kelkajn kantojn de F-ino Anita Capra.

**G. Daub**, Esperantisto el Stuttgart, membro n-ro 7964.

**Florentin Dentler**, Esperantisto el Grimma i. Sa.

**Desisterio Deszeny**, Vicdelegito en Arad (Hungarujo), membro n-ro 6644.

**D-ro Emmerich Haussmann**, Esperantisto el Krefeld, membro n-ro 884.

**Rudolph Leonhardt**, Esperantisto el Dresden, membro n-ro 6082.

**Kapitano Martin**, tre fervora propagandisto de nia afero en Nice, antaŭa tre sindonema Del. de UEA.

**Kurt Mathiak**, Esperantisto el Danzig, membro n-ro 1262.

**D-ro Julius Neumann**, Vicprezidanto de la Esp. Junularo en Wien.

**Komandanto Pereira**, Del. en Clermont-Ferrand.

**G. Queste**, fondinto de la grupo en Amiens; antaŭa Del. de UEA.

**Reber**, el Bamberg, filo de S-ro Reber, Del. en Bamberg.

**Otto Sengewald**, Esperantisto el Hirschfelde.

**F. Soergel**, Vicdelegito en Den Hof i. B., membro n-ro 1473.

**Raoul Vallienne**, filo de nia konata aŭtoro Doktoro Vallienne.

**M. Weissbach**, Delegito en Geyer, membro n-ro 6158.

**Hans Würtz**, Esperantisto el Rohrbach.

La polaj samideanoj en Galicio perdis tre ŝatatan kunlaboranton en la universitata profesoro **D-ro Odo Bujwid**, mortinta sekve de aŭtomobila akcidento. D-ro Bujwid, fama bakteriologo, al kiu la scienco dankas gravajn malkovrojn, estas konata al la Esperantistaro kiel meritplena prezidinto de la Loka Organiza Komitato de la jubilea Kongreso de Esperanto en Krakow. La partoprenintoj de tiu kongreso certe ankoraŭ memoros la tre simpatian viron, kiu helpis aranĝi la grandiozan, brilan feston. Krome li estis la prezidanto de Societo Esperanto en Krakow, kaj ankoraŭ en junio nunjara li prezidis la 2an kongreson de polaj Esperantistoj en Bochnia. En sia urbo li estis influriĉa persono, kiu estante tre fervora Esperantisto tre helpis al la progreso de nia afero. (Laŭ *Germ. Esp.*)

Aliparte, la 10 aŭgusto, mortis en aŭtomobilakcidento dum veturado al sia somerdomo en Bois-le-Roi apud Parizo, S-ro **D-ro Louis Couturat**, la konata estro de la Idista movado. Lia nomo estas tro konata de niaj legantoj por ke ni bezonu detale priparoli lian rolon en nia afero. Ni nur rememoru, ke S-ro Couturat estas la fondinto kaj gvidinto de la „Delegacio por la alpreno de lingvo internacia". Antaŭ dek jaroj li verkis gravan sciencan verkon pri „Historio de la lingvo universala", en kiu unuafoje estis kompetente analizitaj la diversaj projektoj de helplingvo kaj eltiritaj konkludoj favoraj al Esperanto. Oni poste konas kiamaniere S-ro Couturat direktis la Delegacian aferon kaj fariĝis la vera spirita kondukanto de la Idista movado. Kiel sekretario de la Idista Akademio kaj kiel redaktoro de „Progreso", li montris grandan talenton de organizanto kaj polemikisto, kaj nelacigeblan agemon, kiun liaj tiamaj malamikoj ĉiam konfesis. Oni nur povas bedaŭri, ke tro absoluta racionalismo igis lin ne sufiĉe tolerema kaj komprenema pri aliaj tendencoj, kiuj ankaŭ havas ekzistrajton. Sed en tiuj tagoj ni ne volas juĝi. Ni nur volas substreki, ke S-ro Couturat sindoneme kaj senlace laboris por la internacilingva afero per la vojo, kiun li sincere opiniis la plej bona, kaj ke li ne malesperis vidi iam la restarigon de la unueco inter la batalantoj por tiu sama ideo.

# Esperantistaj militkaptitoj

Ni donas ĉi-sube la liston de Esperantistoj militkaptitaj, kies adreso estas konata de ni. Ni scias, ke tiu listo estas nekompleta, sed ni esperas, ke per helpo de niaj legantoj ni iom post iom povos ĝin kompletigi. Tiom kiom permesas la regularoj, la Del. estas petataj viziti la Esp. kaptitojn por eventuala helpo.

*Baumann*, Del., en Chateau Salins, forkondukita kiel garantiulo.

*Cart, Adrien*, filo de nia kunlaboranto S-ro Th. Cart, el Parizo. Gefangenenlager 1. Komp. Block IV. E. I., Wittenberg.

*Comte*, bofilo de S-ro A. Michaux, el Boulogne s./Mer. Kriegsgefangener, Kavalier Scharnhorst, Magdeburg.

*Hunger*, Del. en Frankenberg, civilkaptito internigita en Le Vigan (Gard, France).

*Levoy, A.*, Esp-iano el Pré-St-Gervais. Reserve-Lazarett II, Frankfurt a. M.

*Pourchelle, G.*, el Amiens. Truppenübungsplatz, Gefangenenlager Zossen bei Berlin.

*E. Ragon*, el Grasse, vundita. Lager Lechfeld.

*Servais*, Esp-iano el Pré-St-Gervais. Gefangenenlager Güstrow (Mecklenburg).

*Wirenius*, Esp-iano el Petrograd, civilkaptito en Karlsbad.

* * *

Krom tio estas malaperintaj la jenaj samideanoj, pri kiuj faritaj esploroj ĝis nun ne alportis ian rezultaton. Ĉiu leganto, kiu ion scius pri ili, bonvolu skribi al ni.

*Amigault*, el St-Denis, malaperis en Charleroi la 22 aŭg.

*Bayet, A.-H.-G.*, Del. en St-Maurice en Gourgois, vundita kaj kredeble kaptita la 7 aŭ 8 sept. en Fosse Martin (Oise).

*Chaigné, Raoul*, malaperinta la 20 aŭg. en Faxe-Fonteny (Lotringo).

*Gürges, Werner*, el Dresden, vundita kaj malaperinta en Sampuis près Vitry la 10 sept.

*Jullien, Georges*, Vicdel. en Nice, malaperinta la 10 sept. en Sonancourt.

*Mattes, Joseph*, el Barcelono, grave vundita kaj malaperinta apud Lunéville post la 18 aŭg.

*Winkler, Arthur*, el Kreiensen (Harz). Vundita kaj malaperinta en Chamonille (en la regiono Tergnier kaj Laon) la 14 aŭ 15 septembro.

* * *

Ni publikigas ĉi-supre nur la nomojn de personoj konataj kiel Esperantistoj. Ni ricevis grandan nombron de petoj pri neesperantistoj, kiujn ni plenumigas per la Agentejo de la militkaptitoj en Ĝenevo.



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO